XXXV-a Jaro — N-ro 479 (8/9) — Aug.-Sept. 1939

# ESPERANTO

Internacia Gazeto de Universala Esperanto - Asocio

# La Berna Kongreso

*Tiu ĉi kongreso, organizita de IEL estas la 31-a en la serio de la universalaj kongresoj de Esperanto. Ĝi vole nevole instigas reveni al la unua kongreso en Berno, la naŭa en la vico, okazinta en 1913. Sed kia diferenco . . . . . inter 1913 kaj 1939 ! Se en 1913 oni povis esperi, ke dank'al la kreskanta kompreno pri la teruroj de l'milito kaj al la sistemo de reciprokaj garantioj, la paco povos esti konservota, tiam en 1939, oni ne plu estas tiom certa. En 1913 ni vidis dum la Berna Kongreso la impresigan manifestadon de amikeco inter respektinda franca pioniro de nia movado, Generalo Sebert kaj germana samideano Ludwig Schiff.*

*Forestis en la 31a kongreso esperantistoj el ĉefaj landoj : Ruslando pro kompleta izoliĝo, Germanujo pro la malpermeso de nia movado, Ĉeĥoslovakio pro nuliĝo de sendependeco kaj Polujo pro militminaco. Tiel okazis, ke la Berna kongreso 1939 reunuigis 500 ĝis 600 samideanojn. La enskribitaj kongresanoj estis 765. Alia atentinda detalo estas la malkresko de la registaroj kiuj sin reprezentigis. 1913 estis 30, 1939 nur ses.*

*Krom la eksteraj malhelpaĵoj ĉiaspecaj, ni citu ankaŭ la internesperantistan, la disiĝon de la movado neŭtrala. La Berna kongreso ne alportis solvon ! UEA, konscia pri la danĝera momento konigis sian pretecon al nova aranĝo de la nuna stato. Estis antaŭvideble, ke la proponon de UEA oni ne akceptos kaj ke oni uzos la momenton por polemiki. Estas konate, ke IEL instalis sian oficejon per la mono de UEA. Kaj tiun ĉi monon ĝia Komitato repostulas. Ĉiuj argumentoj kontraŭ repago de mono forprenita estas senbazaj. Ni revenos okaze pri certaj aspektoj de l'tuta afero.*

*Resume : La Berna Kongreso pruvis denove, kiom niaj kongresoj perdis je interna valoro. Tiun ĉi fakton oni konstatis jam delonge. La kongresoj fariĝos turismaj aranĝoj kaj postlasas ĝenerale senton da malpleneco, ne nur en la kaso sed en la cerboj. Tion eĉ la plej belaj adjektivoj, harmonia, paca, konkorda, ne kapablos forviŝi.*

31. VIII. 1939 (*La Redakcio*)

### La Malfermo

Bern estas ideala kongresurbo. Bela kadro: La proksima alparo, alloga bildo: la urbo kun siaj arkadoj, siaj domoj florumitaj. Kiel kongresejo servis denove la Kazino al kiu pilgrimis dimanĉon matene (30-an de Julio) la kongresanoj. La Akceptejo mem prezentis la kutiman aspekton : dejorantaj oficistoj, klarigantaj, direktantaj, babilantaj samideanoj, entute tiu ĉi atmosfero de vere internacia kongreso, kie oni interkomprenigas per unu lingvo.

Precize je la horo fiksita eksonis la orgeno. Malfermis la kongreson la prezidanto de la LKK Sinjoro **H. Buchli,** direktoro de la Trafikoficejo (en Esperanto) kaj sekvis lin la prezidanto de la Kantona Registaro Berna, D-ro Dürrenmatt. Ambaŭ paroladoj pro enhavo kaj formo trovis atenteman aŭskultantaron. Finis tiun ĉi enkondukon la ludo de la svisa nacia himno.

Kiel kongresestraro estis proponita kaj akceptita :

Sinjoro **Jakob Schmid,** L. K., Ano de la Esperanto-Akademio, veterano de la movado en Svislando, kiel kongresa prezidanto; Sinjoroj **Harald Thilander, A. C. Oliver** kiel vicprezidantoj kaj S-ro C.C. Goldsmith kiel Ĝenerala Sekretario.

Sinjoro Schmid, akceptante la honoron, memorigas ke antaŭ 26 jaroj li staris ankaŭ tie ĉi, sed ke estis apud li D-ro Zamenhof, la Majstro. Estis la Berna kongreso 1913 la lasta kiun li ĉeestis. Sekvintan jaron eksplodis la milito, kiu tiom afliktis D-ron Zamenhof kaj rekte kaŭzis lian fruan morton. Mortis la Majstro sed ne mortis la ideo, kiu spite ĉiuj baroj kaj malhelpoj tamen vivas kaj prosperas.

La prezidantan paroladon sekvis la kutimaj salutparoloj de kelkaj registaroj : **Belga, Franca, Hungara, Nederlanda, Norvega, Usona,** entute ses. Telegramoj de la Familio Zamenhof kaj de la SAT kongreso en Kopenhago.

Salutis la kongreson la Landaj Asocioj Esperantistaj aliĝintaj al Internacia Esperanto Ligo : Belga, Brita, (Brazila) Franca, Hungara, Itala, Jugoslava, Nederlanda, Norvega, Novzelanda, Sveda, svisa kaj Usona, kaj poste la Asocioj ne-aliĝintaj : Aŭstralia, Bulgara, Estona, plie por kanadanoj kaj rumanoj, fine D-ro Olŝvanger de Jerusalemo.

Por la forestantaj germanoj diris salutojn Sinjoro Teo Jung, same transdonante la bondezirojn de la nestoro de la movado, Profesoro Bujwid.

Sekvis la parolado de la Prezidanto de IEL Sinjoro Louis Bastien kaj per la tradicia kanto de la ESPERO finis la malfermo de la 31-a kongreso de Esperanto.

### La laborkunsidoj

Okazis tri laborkunvenoj, (de IEL) lundo, mardo kaj ĵaŭdo, dum kiuj estis donitaj informoj pri la stato de IEL. La eksteraj cirkonstancoj ne ebligis sendeficitan ekziston, oni alvokis aliĝi kiel patronoj kaj subtenantoj. Fine oni faris monkolekton por ekvilibri budĝeton de 1939; ĝi rezultigis la sumon de Frk. 195.— kaj por forigi la malnovan deficiton oni ricevis 355 frankojn. Tri personoj sin anoncis kiel novaj patronoj, aliaj kiel subtenantoj.

Oni aŭdis, ke per donacoj kaj pruntoj la ekzisto de IEL estis certigita. Interalie Sinjoro Guéritte, kiu jam donacis cent funtojn deklaris sin preta helpi per pliaj centfuntoj se samtempe aliaj sin devigas por tricent.

En la dua kunveno oni diskutis pri la Skandalo, ke UEA repostulas la nerajte forprenitan monon per tribunalo en Parizo. Diversaj argumentoj estas elmetitaj pri kiuj la estraro de UEA jam diris sian vorton. Pri diversaj diraĵoj de la prezidanto de IEL oni revenos okaze. Ankaŭ pri la « grandanima » konsento flanke de IEL ke UEA havu sian kunvenon dum Berno. Pri la evidentaj erarigoj flanke de Sinjoro Bastien, UEA respondos en konvena tempo. Estas facile prezenti okazintaĵojn al neinformita publiko kaj sen kontraŭdiro de la alia flanko.

La proponon pri re-unuecigo oni viŝis sub la tablon. La unueca movado ekzistas... tiel estas la simpla konstato de la IEL estraro ! Ankaŭ pri tiu ĉi detalo decidos la estonto.

La tria laborkunsido estis dediĉita al parolado de **D-ro Ivo Lapenna,** Zagreb, estrarano de IEL, pri la socia rolo kaj karaktero de lingvo kaj dedukte ankaŭ tiu de Esperanto.

Lia verva parolmaniero, temperamenta, vigla kaj ideriĉa, vekis grandan entuziasmon kaj la aŭskultantaro forte aplaŭdis lin.

### La Ferma kunsido

Malfermis la kunvenon Sinjoro **Schmid.** La tagordo enhavis unue la legon de la raportoj pri la fakaj kunvenoj (TAGE, Lingva Komitato, ISA , Blinduloj, Skoltoj, Poŝtistoj, Kooperativanoj k. a.). Sinjorino **Thilander,** edzino de la pioniro de l'movado inter blinduloj legis altesentan poemon. « Saluto al la Kongreso en Bern ». Varma aplaŭdo. Estis akceptita poste rezolucio pri la preteco de IEL labori kun ĉiuj organizaĵoj, uzantaj. Esperanton por apartaj celoj, kondiĉe ke tiu ĉi kunlaboro ne kontraŭas la neŭtralecon.

Sekvis la danko al la organizintoj de la kongreso, esprimata de Sinjoro **Bastien.** Ali li dankis la kongresprezidanto Sinjoro **Schmid** postkiam Sinjoro **Buchli,** kun kelkaj dankvortoj transdonis al Sinjoro Bastien la verdan standardon pendintan super en la mezo de la salono, la plej granda esperantoflago en la mondo, Sinjoro **Malmgren,** estrarano de IEL, esprimante la dankon al la prezidanto informas ke tiu ĉi festos je la 21a de Decembro sian 70-an naskiĝtagon.

Kelkaj ĝeneralaj informoj interalie pri la venonta kongreso kiu okazos en Marseille kaj por kiu jam enskribiĝis pli ol ducent personoj. Eksonis la himno kaj finiĝis la 31-a kongreso.

### Hereziaj pensoj

Estas nenia sekreto, ke la universalaj kongresoj jam de jaroj ne plu respondas al tio, kion oni atendas de ili : esti manifestado de kultura movado. Komparante raportojn pri la kongresoj de antaŭ jaroj kaj nunajn, oni simple miras pri la foresto de ia gvida ideo. Enuigaj raportoj, plendoj pri deficitoj, festaj aranĝoj de duba valoro, jen la ĝenerala resumo. Ni aldonu, ke tio estas nura konstato nenia riproĉo ! La kongresoj devis en certa senco doni la monon (per la licenco) al la organizaĵo. Tial antaŭ jaroj oni komencis alkonduki al niaj kongresoj « moment » esperantistojn kaj la manifestado de Esperanto fariĝis nura turisma aranĝo.

Leviĝas la demando ĉu havas ankoraŭ sencon daŭrigi la aranĝon de tiaj kongresoj, kiuj lasas poste duoblan malplenecon : materian kaj moralan. La nuna tempo kun la konfuzo de ideoj ja ne taŭgas por serioze serĉi plibonigon. Ĉio dependas de ŝanĝo de la spirita atmosfero. Alia simptomo estas la foresto de delegitoj registaraj de multaj landoj, antaŭe regule honorintaj niajn kongresojn ĉu per delego de esperantisto aŭ de enlanda diplomato. Ankaŭ tie montriĝas stato ne kontentiga.

Dume oni daŭrigos en sama maniero. Paralele al la foriĝo de spertaj samideanoj el la movado, iras la foriĝo de altirpovo de niaj kongresoj.

Anonciĝas gravaj perturboj en la interŝtata vivo, ja oni devos kalkuli nun kun la milito kiu returnigos ĉion. Instinkte ĉiuj kiuj sin sentas minacataj kuniĝas kaj entombigas kverelon. Fronto unueca estas la devizo. Nur la esperantistoj ne kapablis kompreni la situacion kaj anstataŭ etendi la manon kaj interkonsiliĝi pri plej bona maniero transiri la venontan epokon, oni transiras al tagordo kun la ridinda ja eĉ infana deklaro : « La unueca movado ekzistas. » Vole nevole oni pensas je la vorto de Oxenstjerna al sia filo : « Ĉu vi ne scias filo mia, per kiom malmulte da saĝo estas regata la mondo ? ».

(Ubikitulo).

## Niaj Mortintoj

*Kun bedaŭro ni sciiĝis pri la forpaso de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas esprimon de nia kora simpatio.*

*S-ro Dragoslav B. Jovanoviĉ*, profesoro kaj rektoro de la universitato en Beograd, Julio 1939. Fondinto antaŭ tridek jaroj de la Esperantista Societo de Beograd, fidela amiko de UEA. Tre ŝatita li estis inter la studentoj kaj dum lia rektoreco ne okazis la preskaŭ kutimaj demonstracioj aŭ kvereloj inter la studentaro. Ĉe la entombigo, samideano Radomir Klajiĉ, komitatano de UEA, diris adiaŭajn vortojn.

**S-ro D-ro P. W. Meihuizen,** kuracisto, en Arnhem, Nederlando, 18 Aŭgusto 1939. Prezidanto de la Esperantista Unuiĝo « Unu per Esperanto » kaj Dumviva membro de UEA. Dum la milito 1914-18 li multe helpis al rifuĝintoj, precipe al belgaj infanoj. Florbukedo kun teksto « De viaj esperantistaj geamikoj » ornamis la ĉerkon.

*S-ro Henry Havelock Meek*, Hastings, Britujo, 2an de Aŭgusto 1939, okdekjar-aĝa. Estinta ano de UEA 39687.

## Universala Esperanto - Asocio

**Centra Oficejo : Palais Wilson, Genève, Svislando**

# Del' Brennero al Baltiko

## Lasta fazo de la nerv-milito

*La sekvanta artikolo estis ricevita antaŭ tri monatoj kaj devis aperi en la Julia eldono. Malgraŭ la fulmosimilaj ŝanĝoj en la monda teatro, la enhavo de l'artikolo pro ĝia principa karaktero restas aktuala.*

(*Redakcio*).

Lakona sciigo en la gazetaro, meze de Junio informis la publikon, ke fremduloj loĝantaj en la itala regiono *Alto Adige*, pli konata sub la historia nomo (Suda) Tirolo, devas tuj forlasi ĝin. La mezuro aplikiĝis senelekte al ĉiuj fremduloj, laborantaj aŭ libertempantaj. Intervenoj de la interesitaj registaroj (brita, franca, svisa kaj aliaj) ne havis sukceson. Tio speciale tuŝis svisojn. Laboras kaj vivas en tiu ĉi regiono ĉirkaŭ 250 svisoj ĉefe en hotelindustrio. De tiu ĉi dekreto estis frapita ankaŭ la germanoj (de Germanujo) kiuj en nombro de 9.000-10.000 devas forlasi Tirolon komence de 1940. En Svislando, tiu ĉi arbitra dekreto kaŭzis fortan eĥon. La rilatoj inter la Konfederacio kaj la Reĝlando certe suferos. Fine tio ĉi malutilas nur al italoj, ĉar ilia nombro en Svislando estas sesfoje pli alta ol tiu de svisoj en tuta Italujo. Vivas kaj pangajnas en Svislando 125.000 italoj, dume en Italujo nur 18.000 svisoj. La itala procedo evidente malrespektas la kontrakton pri establiĝo de fremduloj. La sekvoj montriĝos pli malfrue.

Sed samtempe oni sciiĝis pri la radikala naciigo de la plejparte germanlingva Suda Tirolo. Laŭ interkonsento kun la Germana Registaro, la tirolanoj povas establiĝi en Germanujo, se ili ne volas uzi la permeson iri en alian parton de la Reĝlando. Oni bone komprenu: Temas pri loĝantoj de la lando, aligita al Italujo per la packonkludo de Saint-Germain. La nombro de tiuj (ras-) germanoj estas inter 180.000 ĝis 200.000, plejparte agrikulturistoj kaj montaranoj, fanatike gluantaj je sia tero. Per tiu ĉi sistema kaj metoda naciigo de la tero devas finiĝi periodo de sensukcesa penado, italigi tiun ĉi landon.

Tiu ĉi ekzemplo de forkonduko de loĝantaro ne estas io nova. Por forigi kaŭzon de konflikto, neniam solvebla jam aliaj ŝtatoj interŝanĝis loĝantarojn, ekzemple Greklando kaj Turkujo. En la tirola afero ne temas pri interŝanĝo sed pri forigo. La Führer de Germanlando konsekvence agis laŭ sia deklaro en jaro 1922 : « *Se mi, kiel naciisto serĉas kompreni la italan vidpunkton, mi trovas tiam la italan postulon je strategiaj limoj plene rajtigita* ». Je tiu ĉi tempo Italujo ne havis kiel najbaron Grand-Germanlandon sed Aŭstrion. La nuna aranĝo pri Suda Tirolo estas ĉie komprenata kiel reciproka servo.

Pikanta detaleto: La Germana himno nacia diras:

*Germanujo super ĉio, super ĉio*
*[sur la ter'*
*Se ĝi frate kuniĝadas en la paco,*
*[en danĝer',*
*De la Maas ĝis al la Memel*
*De la Belt' al Etsch' river'*
*Germanujo super ĉio, super ĉio*
*[sur la ter'.*

La riveroj cititaj : Maas estas Mozo france Meuse, Etsch estas Adige. Ĉu la akso-frato itala postulas ankaŭ revizion de la himnoteksto, nun ne plu konforma?

Konsternitaj estas la tirolanoj mem. Dum jaroj ili kun religia kredo esperis savon flanke de la nacisocialisma reĝimo, kiu ja metis en sian programon la liberigon de ĉiuj rasgermanoj kun aŭ kontraŭ ilia deziro.

Oni povas rigardi la aferon de alia vidpunkto. La minoritata problemo venenigis kaj venenigas la interŝtatan atmosferon. Se la nuna provo prezentus praktikan solvon, aliaj ŝtatoj en Eŭropo povos sin bazi sur tiu ĉi ekzemplo. Kaj tiu ĉi precedenco povus havi sekvojn por Germanujo kiujn oni certe ne antaŭvidis.

Brennero, montpinto kun pasejo de nordo al sudo, sendube estas pordego. Per ĝia enkorpigo en italan reĝlandon plenumiĝis malnova deziro de l'itala naciismo. La finstreko sub tiu ĉi okazaĵo estas la forigo de la aŭtoĥtona loĝantaro. Melankolie la amikoj de bravaj tirolanoj memoras la melodion pri Andreo Hofer, heroo el Napoleona tempo:

*Sangadis ĉiu frata kor'*
*En Germanujo pro dolor,*
*Kun ĝi la Land' Tirol'*
*Kun ĝi la Land' Tirol'*

***

Kaj de la *Brennero* ni malsupreniru al la *Balta Maro*, speciale al Libera Urbo *Dancigo*. Sama problemo kaj sama postulo, sed tute alia procedo montriĝas tie.

### Dancigo

La packonkludo de Versailles kreis tiun ĉi liberan ŝtaton Danzig kun surfaco de apenaŭ 2.000 kkm., kaj kun loĝantaro de 400.000 homoj plejparte germanoj. La celo estis, doni al la renaskiĝinta Polujo eliron al la maro. La germana provinco Orienta Prusujo per tiu ĉi aranĝo perdis la interligon kun cetera Germanujo. Tiu ĉi solvo videble naskiĝis el embaraso: La restarigo de Polujo estis unu el la 14 punktoj de Wilson. Por ke Polujo havu eliron al la maro necesis aneksi Dancigon. Kaj por ne peki kontraŭ alia punkto, la memdecidrajto, oni kreis Liberan ŝtaton sub la kontrolo de la Ligo de Nacioj. Oni memoras la oftajn kverelojn, kiujn Filozofia spirito komprenas kiel sekvon de kunpuŝiĝo de naciismoj, germana kaj pola.

Ne facile estas formi al si klaran komprenon pri la situacio. Vojaĝinto en ĉi tiuj regionoj, spertinte la diversajn ĉikanojn de vojaĝo tra la fama koridoro, juĝis nur laŭ tio. Dume ja temas pri io multe pli grava kaj pli sekvohava.

Hodiaŭ ni staras antaŭ la demando: « *Ĉu militi pro Dancigo* ».

Utilas koni la du vidpunktojn, la germanan kaj la polan. La germana estas simpla, ja eĉ logika. « *Heim ins Reich* », (Hejme en la Imperion) estas klara postulo, ne miskomprenebla. Ĝin postulas la Danciganoj mem, ia atentinda opozicio ne ekzistas. Ĝin postulas la Tria Regno kun sia propaganda forto. Kaj tiun ĉi postulon pravigas laŭvide historio, tradicio ĉio. Se estas nur la gentaj postuloj kaj se temus nur pri tielnomata liberigo de fratoj, ja oni nur devus subteni la deziron « *Heim ins Reich* ». Tamen la esenco de la problemo estas tute alia, kiel ni poste vidos.

La pola vidpunkto estas same defendebla. Tute ne reirante al pasinto kaj esplori la demandon ĉu Dancigo estis pola aŭ slava (la nomo mem estas tia), Dancigo estas la pulmo de la Pola ŝtato kaj tiun ĉi rolon ĝi havis en la daŭro de sia ŝanĝoplena historio. La pulmo estas la rivero Vistulo, enfluanta en maron sur teritorio danciga. La pola postulo estas, ke restu la ĝisnuna situacio, nome ke Dancigo restu Libera Urbo (kia ĝi estis cetere antaŭ la aliigo al Prusujo).

Oni vidas do, ke la du deziroj staras diametre unu al alia. Neniu volas kaj neniu povas cedi. Kaj ripetiĝas la demando:

*Ĉu valoras morti pro Dancigo ?*

La germana propagando prezentas la tutan problemon en tro simpla maniero. Laŭ ĝi estas nur la malbonvolo pola, kiu malebligas inkerkonsenton amikan. Kaj tiu ĉi propagando kalkulas kun grava faktoro, nome la forgesemo homa. Forgesita estas la libro « *Mein Kampf* », kiu klare priskribas la volon de l'Führer, forgesita aŭ nekonata estas la antagonismo german-pola, pli precize german-slava. Forgesita estas la okazintaĵoj de la pasinta jaro. kaj la rezultiĝinta forblovo de la Ĉeĥoslovaka Stato.

Kaj ne nur en Polujo oni komprenas la danĝeron. La ekzemplo de Ĉeĥoslovakio, kio komencis per postulo de aŭtonomio kultura de la Sudetoj ja nur tro videble montras la vojon. Do ne temas pri la reveno de kelkcentmil germanoj al la Imperio, sentimenta deziro, brue propagandata. La realiigo de Dancigo, sub normalaj cirkonstancoj logika solvo, estas sub nunaj aspektoj nenio alia ol la liberigo de la vojo al la hegemonio kompleta de Germanujo super la oriento. Post la bastiono ĉeĥoslovaka falus la remparo pola de la defendsistemo de la liberecaj landoj.

Tiel sin prezentas la situacio por la eksterulo.

La konflikto havas ankoraŭ alian aspekton. Estas unu el la ĉefaj punktoj de la Tria Regno revenigi al la Imperio iam germanajn regionojn aŭ landpartojn loĝatajn de (ras-) germanoj, sed en alia regno. La listo de regnoj kun germanaj malplimultoj estas longa. Ni vidis komence, kiel la Tria Regno aranĝis sin kun Italujo por senigi la akso-fraton de loĝantaro ne ĉiam obeema. Tiu ĉi solvo, kiu neniel respondas al la principoj tiom brue proklamataj por Dancigo, estas de naturo politika. Sekve ĉiu argumento kontraŭ la daŭrigo de la sendependenco de Dancigo perdas sian konvinkigan povon. Kaj Polujo ne deziras kaj ne volas aneksi urbon Dancigo, sed nur ties sendependecon, sufiĉa por la respekto de la interesoj polaj, precipe la libera aliro al la maro.

Laŭ la germana gazetaro tamen, la nura aligo de Danzig ne estas la fino. Vivas en Polujo iom pli ol unu miliono da germanlingvanoj. Kaj konforme al la misio, kiun donis al si la reĝimo germana, ili devas reveni. Ne kiel la tirolanoj *sen tero*, sed kun ĝi. Tio ne estas ia deziro de iu supernaciisto, sed pli malpli oficiale deklarita realaĵo. La gazeto de Marŝalo Göring skribis antaŭ nelonge en detala artikolo pri la problemo de Danzig (prezentata kiel pola problemo) jenon:

*Polujo de 1939 estas tute la sama kiel Polujo de 1772 (la jaro de la unua divido de Polujo), nome konstanta en danĝerigo de la eŭropa paco kaj malfeliĉo por siaj loĝantoj. (Essener Nationalzeitung)*

Kaj laŭ tio oni prijuĝu ĉion. Por meza polo, por la « *homo en la strato* » en Polujo, ne necesas, ke la propra registaro penadu ĝin konvinki pri ekzistanta danĝero. Tro vivanta estas la memoro pri la dispartigo de la lando inter la tri najbaroj, aŭstria, prusa kaj rusa. La malfeliĉo por Polujo estis, ke ĝi ne havas okdek milionojn da loĝantoj kaj troviĝas meze inter teravidaj najbaroj.

La dispartigo de la Pola ŝtato en la 18-a jarcento estas tipa ekzemplo de la tielnomata politiko per potenco. Aserti, ke la pola popolo ne kapablas organizi ŝtaton, estas groteskaĵo. Ne povas vivi pace plej bona hom' Se najbar' malica avidas lian dom'. Kaj la restarigo de la Pola ŝtato, estis rezultato de la lasta milito, simpatie akceptita ĉie. La reveno al Polujo, de nete polaj regionoj, polaj per la historio kaj per la loĝantaro estas nenio alia ol rebonigo de farita maljustaĵo. Tiel komprenas ĝin la tuta mondo ekster Germanujo kaj tion ne forigas ĉiuj argumentoj, kiujn oni devas aŭdi de tiu ĉi flanko. Ekzistis tempo kaj ĝi ne estis tre malproksima, kiam oni atentis certajn germanajn postulojn pri la regionoj de Supra Silezio revenintaj al Polujo en jaro 1921. Sed neniu plu konsideras tiujn ĉi pretendojn, pro la nova formulo de la viv-spaco, formulo kiu teorie ebligas etendigi la Trian Regnon super la tuta mondo.

Kiel solvi la problemon ?

La du vidpunktoj estas konataj. Kaj estas sentataj ankaŭ, ke cedo de unu flanko signifas aŭ la militon aŭ perdon de prestiĝo ĉe propra popolo. Trovi eliron el tio estas serĉi eliron el labirinto.

La politiko per potenco verŝajne denove triumfos kaj metos Eŭropon en ĥaoson. Tiam el la ruinoj fine triumfos la kompreno, ke nur per reciprokeca sistemo, tiel kiel ĝin antaŭvidis la pakto de la Ligo de Nacioj, la paco povos esti konservata. Kaj anstataŭ la universala Ligo de Nacioj (kies universaleco ĉiam estos ĥimera) necesos krei federacion de la eŭropaj ŝtatoj kun reciproka garantio pri teritorio kaj defendo okaze de atako. Tiu ĉi ideo, efektivigita, estos unua ŝtupo al la pacigo de Eŭropo. Kaj ĝi realiĝos el la larmoj kaj sango de la nutempo.

La estonta Ligo de Nacioj eŭropaj garantios al ĉiuj popoloj sian viv-spacon kaj viveblecon.

Georges AGRICOLA.

# Milito kaj Esperantismo

Ree furiozas milito. Apenaŭ malaperis la postesignoj de la pasinta kaj esperita « lasta » milito; malica sorto ree tiris la homaron en abismon.

Kian pozicion prenu pacemuloj, kiaj estas la Esperantistoj ? Ni ĉiuj kondamnas militon kaj kontraŭas la diraĵon « *milito estas krea faktoro* ». Ĉu tio signifu ke oni humiliĝu kaj toleru evidentan maljustaĵon ?

Ne, milfoje ne !

Trudas sin komparo kun 1914. Tiam la Esperantistoj en landoj militintaj plenumis sian devon kontraŭ la respektiva patrolando. Multaj oferis la vivon, aliaj la sanon. Kun la firma espero « ne plu milito ».

Kruele seniluziiĝis la postvivantoj. La grandiozan ideon, sekurigi la pacon per kunigitaj volo kaj povo pere de Ligo de la Nacioj estis sufokita per burokrataj kaj diplomataj kombinaĵoj. Ĉu tiu ĉi malbona sperto parolas kontraŭ la ideo ? Certe ne ? Kaj estas ĉies deziro, ke la estontaj pacfarantoj memoru faritajn erarojn inter 1919-1939.

La milito 1914-18 aperis por multaj pli malpli kiel batalo pri hegemonio inter Britujo kaj Germanujo. La opinioj en nemilitintaj landoj estis malsamaj. La serio de koloraj libroj pri la katastrofo ankaŭ ne plene konvinkigis pri nepra kulpeco unuflanka. Ambaŭ grupoj pretendis batali por sama idealo. La rezultaton ni ja konas.

Tute malsame reagas hodiaŭ la mondo. La totaleca pretendo de la reĝimo germana ne povis ne influi aliajn regnojn. Kaj la postulo je viv-spaco, respektive ĝia senskrupula efektivigo vekigis la konstantajn optimistojn. Per metodeco ne-imitebla la estroj de la Tria Regno plenumis sian programon. Por ekkoni la efektivan celon necesis oferi la ĉeĥoslovakan respublikon, kaj ĉio cetera estas logika sekvo de l'plano giganta : Estri Eŭropon.

Kiel ni Esperantistoj rilatu al ĉi tiuj okazantaĵoj ŝanĝontaj mondon kaj socion ? Ni memoru, ke nia movado, florinta en Germanlando, Aŭstrio kaj en Ĉeĥoslovakio estis detruita per la reĝimo nacisocialista. Per broŝuroj disvastigitaj en milionoj de ekzempleroj, nia movado estis insultata. Multaj samideanoj germanaj estis persekutitaj, ja iuj ankoraŭ nun troviĝas sub polica observo. Plia sukceso de tiu ĉi ĉi reĝimo forviŝus nian aferon entute. Nia sinteno ne povas esti alie ol deziri, ke triumfu la rajto kaj justeco por ĉiuj !

Dume tondras la kanonoj kaj bruas la propagando tra la etero, ni Esperantistoj restu konvinkitaj pri la utileco de nia klopodado. Ni firme esperu, ke post la nuna militado realiĝos tio, kion diris nia majstro

*ĝis la bela songo de l'homaro*
*por eterna ben'efektiviĝos.*

# Tra la Gazetaro

## HEROLDO DE ESPERANTO

Eldonanto: Belga Esperanto-Instituto, K.S., Antwerpen, Belgujo. Redaktoro: Teo JUNG. Adreso de la Redakcio-Administracio: Harstenhoekweg, 223, Scheveningen, Nederl. — Al informpetoj aldonu resp.-kuponon!

OFICIALA SEMAJNA ORGANO DE INTERNACIA ESPERANTO-LIGO

*En la numero 30-31, de la 27a de Aŭgusto ni legas en la kongres-raporto pri Berno de Sinjoro Teo Jung la jenon :*

Mi neniam komprenis, kial kelkaj « samideanoj » volas kontesti al Internacia Esperanto-Ligo aŭ al ĝiaj gvidantoj la idealismon kaj homarserveman agadon. Kaj eĉ malpli kompreneble al mi estas, kiel certaj personoj en nia movado povas aserti, ke ili kvazaŭ aĉetis por si la monopolon de l'Zamenhofa spirito aŭ la privilegion de la « interna ideo ». Sed oni tute ne povas kompreni, se tiajn konteston kaj aserton faras ĝuste tiuj, kiuj dum jaroj kaj jardeko kaj pli longe, per manoj kaj piedoj kontraŭstaris unuecan kunlaboradon de la neŭtrala esperantistaro kaj kiuj, apenaŭ kiam la unuecigo estis efektivigita, denove per sia nekomprenemo kaj obstino provis — feliĉe sensukcese — disrompi ĝin. Sufiĉas, kiel argumento por refuti la absurdan aserton, ĉi tiu stranga nekomprenemo kaj obstino kaj oni eĉ ne bezonus, kiel plian argumenton, citi la foruzon de vere tre grandaj kapitaloj kaj membrokotizoj en tempoj kiam ekzistis 8000-9000 membroj (ne 50 centimaj).

ooo

*Sinjoro Jung, vi estas demagogo kaj inda lernanto de la propagandministro de via devenlando. Lerte vi scias miksi, kiel koktajlmiksanto en noktamuzejo, la plej diversajn aferojn. V i, kiu mem spertis la teknikan flankon de la Esperanto Movado, v i kiu mem ploradis pri peza pangajno pere de Esperanto, v i devus minimume silenti ! Sed se vi nepre volas scii kion UEA faris kun la kapitaloj, tiam, se vi ne volas legi aŭ memori raportojn, tiam demandu Sinjoron Prezidanton de IEL kion IEL faris kun la domo kiun ĝi donace ricevis antaŭ tri jaroj kaj kion ĝi faris kun la 30000 frankoj sv., la deficito de 2 jaro, aŭ (por ke vi ja ne korektu), de 28 monata agado de IEL.*

*Sinjoro Teo Jung, vi estas kaj vi restas demagogo. Ni okaze publikigos dokumentaron pri la skismo de la movado kaj en ĝi ni ankaŭ montras la rolon kiun v i ludis, kontraŭ via pli bona scio kaj via propra sperto !*

*Kaj en la sama numero de via gazeto vi publikigas la informon pri la monkolekto por IEL. Se vi estus iom pli zorgema vi scius ekzemple, ke antaŭ 26 jaroj en Bern, la tiama financa fakestro de UEA, malkonsilis fari monkolekton por UEA, ne inda procedo por granda asocio. (ESPERANTO, 1913, p. 260). Kiel redaktoro de gazeto, kalkulanta kun la forgesemo de l'esp. publiko, v i ja ne bezonas koni faktojn. Vi sekvas la taktikon tiom praktikatan en la Tria Regno kaj estas domaĝe, ke vian talenton de « aranĝita » informado vi ne povas uzi tie kie vi estis.*

## Universala Esperanto-Asocio

### Servo de perado de privataj korespondaĵoj inter militantaj landoj

La militeksplodo kaŭzis tuj malgrandigon de la kuranta laboro. Tio ŝanĝis tuj post instalo de la servo de perado. Alvenas nun ĉiutage inter 80-100 korespondaĵoj, plejparte leteroj por transsendi en « malamikan » landon. Hodiaŭ kiam ni redaktas tiun ĉi informon, forigante tekstojn el la parto « Tra la gazetaro », la poŝto alportis 2 8 1 korespondaĵojn. (21. X. 39.)

Utilas konigi kelkajn detalojn al la esperantista publiko. La nuna direktoro de UEA, kiu organizis dum 1914 tiun ĉi servon sub gvido de H. Hodler, povas utiligi la variajn spertojn tiam faritajn. Por agi kontraŭ eblaj surprizoj, la nomoj de la personoj uzantaj la peradon estas registrataj kun datoj de la forsendo de korespondaĵo. Tiel ni retrovas facile nomojn, se okaze tia mankas; jam nun alvenas tiaj korespondaĵoj s e n indiko.

La leteroj estas sendataj sub kovertoj de UEA kun preta respondkoverto kun adreso de UEA. Estas apartigataj la specialaj demandoj, sendo de objektoj, de donacoj, de friandaĵoj, kaj de mono. Plia kategorio estas la demandoj pri personoj, netroveblaj ĉe malnova adreso. Kaj por tiu ĉi kazo la Delegitoj povas plenumi plej ŝatindajn servojn, ideala kunigo de praktika helpo kun homamo. Tio estas samtempe atentinda diskonigo de nia movado kaj de ĝiaj praktikaj eblecoj.

Sur paĝo 4 estas represata la cirkulero no. 23 kiun ni sendis la 15-an de Septembro al la Delegitoj de UEA kaj al tiuj de IEL. Estus utile konigi la jenan informon pri la servo de perado. Ni plezure akceptas eltranĉaĵojn kaj kore dankas al la delegitoj, kiuj bonvolis plenumi nian peton.

Teksto por komuniki :

Kiel ni informis antaŭ nelonge, la Centra Oficejo de Universala Esperanto-Asocio en Genève starigis servon de perado de privataj korespondaĵoj inter militantaj landoj. La leteroj estas ricevataj en Genève kun du respondkuponoj por unu transsendota korespondaĵo. La leteroj estu pure privataj kun legebla adreso de la ricevonto.

Alvenas multaj demandoj de p o l o j en eksterlando, senigataj de kontakto kun karaj familianoj en patrolando. La poŝtrilato de Svislando kiel de ceteraj nemilitantaj landoj, estas interrompita kun Polujo. Ekzistas tamen ebleco peradi korespondaĵojn al la parto de Polujo iam sub germana regado (Poznan, Supra Silezio) sed ĉefe nur por pli grandaj lokoj. Plie la sovjeta poŝto vojdirektigas korespondaĵojn por la partoj sub sovjeta okupacio. Momente nenio estas farebla kun la kerno de P o l u j o, kio ekzemple tuŝas Varsovion. Tamen paŝoj estas entreprenataj por eniri en kontakton. Ĉia demando pri personoj en tiuj provincoj polaj estas individue prilaborataj tiel ke okaze de paŝebleco ĉio estas preta.

La sama servo ankaŭ peradas sendon de donacoj, de objektoj kaj de mono. Ĉi-tiaj sendoj dependas de speciala p e r m e s o de la devenlando, pri kio poŝto aŭ dogano informas. La sendo de mono estas delikata afero pri kio la Oficejo informas skribe. Judoj dezirantaj subteni samreligianojn en Germanujo kaj landoj sub ties estrado, povas uzi la servadon de perado. Por tiu ĉi celo ekzistas speciala mono, la **Subten-Marko**, kies kurzo estas nuntempe 100 Fr. sv. por cent markoj. Por ĉiu monsendo la oficejo bezonas kopion de la rajtigo del' koncerna registaro aŭ instanco kompetenta.

Universala Esperanto - Asocio, Palais Wilson, Genève.

## La Interligilo de la P.T.T.

La kajero 182-184, Junio-Aŭgusto 1939 estas titolita SVISA KAJERO, entute dediĉita al la poŝto en Svislando, kun multaj ilustraĵoj.

## THE BRITISH ESPERANTIST

*La ĵus ricevita septembra numero enhavas raporton pri la kongreso en Bern-. Sub La Redakcio komentas, la redaktoro skribas interalie:*

Pasis ankoraŭ unu Mondkongreso de Esperantistoj, la Tridekunua en Bern, pri kiu ni apenigas impresojn en la sekvantaj paĝoj. Ĉiuj partoprenintoj konsentas, ke ĝi estis, kiel la antaŭa en Londono, « harmonia » kongreso, klare montranta la fakton, ke Internacia Esperanto-Ligo estas akceptata de la grandega plimulto de la Esperantistoj kiel fina solvo de la demando pri organizo. Plene malsukcesis, en la lando mem de la « protestintoj » provo reveki la tutan malagrablan disputadon kies publika fazo nun finiĝis.

*Ne, kara kolego, la disputado ne finiĝis ! Per malvero estis kreita la IEL, kaj per mono kiu ne apartenis al ĝi. Devis pasi tri jaroj, por ke ankaŭ la ĉefa kaŭzo de la disiĝo, la ekonomia, estu malkonfirmata. IEL kiu laŭdire prosperas, kiu ricevis subtenojn brilajn, finis dujaran agadon kun neta p e r d o de Fr. sv. 30000. Ne kalkulante ĉirkaŭ 8000 fr. kiuj parte troviĝas en la aktivoj, por instalo de l'Oficejo per mono de UEA.*

*Ĝuste ĉar la esperantista publiko, precipe la kongresanoj n e ŝatas kaj ne komprenas la aferon, UEA iris alian vojon. Kaj neniu el la nuna gvidantaro iris al la kongreso en Bern, ĝuste por ke ĝi restu la h a r m o n i a kongreso. Tiu ĉi harmonieco estus restinta kompleta, se la prezidanto de IEL estus evitinta sian polemikadon pri afero kiun li bone konis.*

La Brita E - Asocio ŝanĝis sian adreson kiu nun estas BEA: 140 Holland Park Avenue, London W. II. Tiu ĉi ŝanĝo estas dankata al akiro de propra domo, pro kio ni gratulas kun deziro je daŭra prospero kaj sukceso.

## SVENSKA ESPERANTO-TIDNINGEN LA ESPERO

ORGAN FÖR SVENSKA ESPERANTO-FÖRBUNDET

La Septembra numero, bela eldonaĵo por propagando, videble finredaktita antaŭ la komenco de la milito, raportas pri la Berna kongreso. Ĝi informas ankaŭ pri nova libro de Stellan Engholm, Infanoj en Torento (dua parto).

Pro kondiĉoj ligataj al la mobilizado la nuna numero prokrastiĝis senteble. La redakcio faros sian eblon por ke la regula apero estu certigata estonte.

## Homoj ĉe Radio

### De Anita

Antikva legendo hinda rakontas pri la origino de la virino. La homo estis kreita kaj li sentis sin tre, tre sola. Li ne sciis kio al li mankis. Li ne sciis, ĉu li fartas bone aŭ male.

Kompatis lin Di-Sinjoro kaj kreis la virinon. Dum dudekkvar horoj la homo estis feliĉa. Tiam li iris al la kreinto: « Di-Sinjoro, mi ne plu estas feliĉa tiun ĉi vivon, ŝi igas la vivon kiel inferon... » « Bone », respondis Di-Sinjoro, mi malaperigos ŝin ». Kaj denove post dudekkvar horoj revenis la homo kaj petegis: « Redonu ŝin al mi ! Mi ne povas vivi kun ŝi — sed mi ankaŭ ne povas vivi s e n ŝi. »

Simile okazas kun la radio. Oni ofte ne povas ĝin elteni kaj ne eblas rezigni je ĝi. En mondo tremanta, disiĝanta, sidas milionoj da individuoj antaŭ malhelkolora kesto kaj aŭskultas. Ili atendas voĉon. Devus esti ia sfera muziko — devus aŭdiĝi anĝela voĉo aŭ ĉielaj trombonoj kaj ke tiam ĉesus la sufero. Sed ĉiam aŭdiĝas ia knara sono kaj tiam venas treege tera voĉo kiu diras frazojn de ordinara prozo. La plej gravaj okazintaĵoj estas banaligataj, la plej banalaj aferoj ricevas aspekton de graveco pro la nevidebleco de la parolanto.

Etaj atomoj en la kosmo, milionoj da homoj aŭskultas la sendiecigitan miraklon : homa voĉo tra la etero.

La radiokesto povas esti fonto de feliĉo. Ĝi kapablas peradi ekstreman belecon. Genio povas fascini centmilojn trans limoj kaj maroj.

Sed la radio-kesto povas fariĝi kesto de Pandoro. Ĝi elfluigas mensogon kaj veron, malamon kaj bonon, venenon kaj sukero. Intere eksonas vienaj valsoj kun malvera sentimentaleco kaj operoj de Wagner kun falsa heroeco.

Estas terure. Sed ni ne povas nin senigi de la radio. Antaŭ ĉiu novajkomuniko ni sidas streĉitaj kaj senspire. Eksonas la afabla voĉo etera kaj komunikas per frazoj koncizaj pri sukcesaj atakoj. Pri sukcesintaj operacioj, pri alarmo antaŭ aviadiloj, pri malrespektita neŭtraleco kaj pri registaraj protestoj. Kelkfoje la voĉo estas laca kaj sensona. Kelfoje ĝi sonas nedece freŝeca kaj vigla, kiam ekzemple enhavoplena informo estas komunikita en konversacia tono. Kaj se ekzemple estas listigita per delikata voĉo la deliktoj kiuj sekvigas mortpunon. Certe ne estas nepre necese, ke ĉio grava estu dirata per tomba voĉo. Ankaŭ tie ĉi la takto de l'parolanto devus trovi ĝustan manieron.

La viktimoj de la aviadbomboj en tiu ĉi aŭ en tiu urbo estis ĉefe infanoj. Ĉiam estas tio la absolute nekomprenebla okazaĵo. Kaj subite oni petas sendi donacojn por fariĝantaj patrinoj al iu bonfara organizaĵo, aŭ oni petas havigi al infanoj bonan restadon kaj sanan aeron.

Ŝajnas neeble travivi la radioraportojn de unu sola tago en pluraj lingvoj, ne suferante domaĝon je korpo kaj animo. Ke ĝi tamen okazas, estas ŝuldata al forta narkotiko: la apatio... Kaj al la neĉesiĝanta fluo de espero en ĉiuj nuancoj de l'verdo: eble tiu ĉi novaĵo ne estas vera — eble la venonta sciigo estas grava — eble okazos miraklo — eble... eble...

Je tiu ĉi miraklo, neformuligebla precize, atendas milionoj da homoj. Jen sidas la nekonata civilulo kaj aŭskultas nervoze la novaĵojn pri la nekonata soldato. Oni rajtas aserti, ke li emus interŝanĝi kun li. Estas tre tre malfacile, esti senaga aŭdanto de la historio.

Ekzistas ĉiam iuj, ne posedantaj radio-aparaton. Ili ne povas aŭ ili ne volas akiri ĝin. Sed ili tamen demandas amikojn kaj nekonatojn: kiaj estis la novaĵoj ? Kiam venos la proksima komunikado ?

Necesas speciala talento redoni radioraportojn resumite. Malmultaj nur kapablas tion. Estas pli multe da vidkapablaj ol aŭdkapablaj homoj, Kaj ne temas redoni la sonon sed la enhavon. La plimulto tuj forgesis ĉion, la cerbo forviŝis ĝin. Spite grava realeco la tutaĵo similas al fantomaĵo...

Familioj inter kiuj troviĝas pluraj radiofrenezuloj estu prefere evitotaj. Se unu trovis elsendstacion, la alia movas la butonon — la sono estas daŭre plifortigata, malfortigata, de l'murmurado puŝata al kriegado, subite ĉesigata. Siblas, krakas, fajfas, frapas. Freneziĝintaj ondoj ĉirkaŭas la sen-nervigitan aŭskultanton. Sed ree iu estas antaŭ la aparato kaj turnas, turnas, turnas.

Por temperamentaj aŭdantoj estas malfacile, kutimiĝi al la fakto, ke oni ne povas interrompi radioparolanton ne kontraŭparoli ilin kaj ke oni ne povas ion ĵeti al ilia kapo.

Eble oni povus fiksi al moderna aparato, moveblajn figurojn kun homaj trajtoj, ĉe kiuj la aŭdanto povus seniĝi de sia kolero kaj indigno. Figuroj, kiaj ekzistis iam sur kermeso, tia « Vangfrapoviro », ĉe kiuj oni povis seniĝi de amasiĝinta furiozeco.

Neniam plu radio-. Spite ĉio, oni tamen ne povas vivi sen ĝi.

## Pri Esperanto-Korespondado

Ni propagandu Esperanton kaj por tio ankaŭ la korespondado estas tre taŭga ilo. Tamen, ĉi tiurilate ekzistas egaj malaprobindaĵoj. Kiu rigardas la anoncetojn pri korespondado, tiu rimarkas grandan monotonion de ilia enhavo. Kelkaj korespondemuloj redaktas siajn anoncojn en tute senkolora kaj ĝenerala formo, ne citante iujn ajn temojn, tiel ke respondo al tiaj anoncoj similas al paŝo en nebulon; malgraŭe, estas nepre necese ke la karakteroj kaj la interesoj de la korespondantoj iom harmoniu.

La plejmulto de l'anoncantoj deziras intersanĝi poŝtmarkojn kaj ilustritajn kartojn. Tio povas esti beleta okupado, sed ĉu efektive la matura esperantistaro ne interesiĝas pri io pli serioza? Precipe en epoko tiom agitata kiom la nuna ? Certe ekzistas krome multaj personoj kiuj volonte pritraktas iun temon .En tiaj okazoj ĝenerale ili volas paroli pri speciala fako. Teksaĵa komercisto serĉas korespondadon kun sia kolego, la poŝtoficisto kun samprofesiulo, kaj tiamaniere nur la speco de l'monakirado unuigas tiujn ĉi esperantistojn. Estas tre limigata afero, kaj same malavantaĝa estas por ni tio, ke la anoncantoj koncentrigas sin al difinita lando (nur Anglujo, Turkio, Usono, ktp.). Esperanto havas ankaŭ la celon plivastigi la komprenon por ĉiuj nacioj de l'mondo; sed limigante ĝin tiamaniere oni malhelpas ĝin kaj sekve, la anoncanto perdas altgrade la eblecon ricevi ofertojn !

Ĉiu lingvo, same Esperanto, unuavice nur estas ŝelo de pensoj; tamen, sekve de tio ankoraŭ ne ekzistas la pensoj mem. Ni bezonas ilin por unuigi homojn de ĉiuj mondregionoj; nur ili interesigas nian lingvon. Al tiu ĉi celo antaŭ ĉio servas arto, literaturo, scienco, religio ; ankaŭ la interŝanĝo de travivaĵoj kaj vojaĝimpresoj povas utili multe. Se ni foje kapablas instrui kaj pliriĉigi spirite unu la alian, nur tiam Esperanto fariĝas fakta allogaĵo ke tia celo estas pli sublima ol interŝanĝo de poŝtmarkoj kaj poŝtkartoj aŭ diskutado pri ĉiutagaj profesiaj aferoj, esperinde ĉiu komprenas. Mi devas fari la konfeson hontigan por nia Esperantistaro ke dufoja anonco, laŭ kiu mi serĉis « sanktan harmonion » sur tiu ĉi bazo, restis sensukcesa. La interligo de la unuopuloj kun la ĝeneralaro ne plifortiĝas per tiaj spertoj, sed perdiĝas; krome, ne estas bona reputacio por nia movado malemi al tio, kio transpaŝas plezuraĵojn de l'ĉiutaga vivo kaj monakiradon. Do, kulturu spiritajn interesojn !

A. E. Cortinas.

## Honorigo

S-ro S. Grenkamp, ĵurnalisto en Parizo estis dinstingita per la nomigo « kavaliro de l'Honora Legio ».

## Korespondado

**Kassa** (Hungarlando). — S-ro Eugen Matirko, Nyàr u. 34, PM.

## Esperanto de UEA

deziras akiri numerojn :

1911 : 93-94-95-100.
1912 : 115-116-118-119.
1914 : 166 ĝis 172.
1915-1916 : 175 ĝis 196.
1917-1918 : 203 ĝis 220.

Proponojn al L. Courtinat, 30 rue Chabrier, Clermont-Ferrand, Francujo.

# Universala Esperanto-Asocio

## Oficiala informilo 1939-8/9

### UEA kaj milito

Kion ni timis efektiviĝis. Denove milito kiu minacas renversi ĉion. La Estraro de UEA komunikis per cirkulero la jenon al la membroj:

Genève, 15 Septembro 1939.

Karaj samideanoj,

Per tio ĉi ni informas vin pri la decidoj de la Estraro de UEA kaj pri la situacio de la Asocio dum nuna militado. Spite ero de espero kiun konservis la tuta mondo, la malbono ne preterpasis. La tensio ekzistinta dum jaroj kaj paralizinta la normalajn rilatojn inter la ŝtatoj nun ŝiriĝis.

Plena je malbonaj sekvoj estos tiu ĉi militado, gvidata per ĉiuj rimedoj de la tekniko kaj scienco. Tiu ĉi milito minacas detrui ankaŭ ideojn. Kaj inter tiuj ĉi ideoj estas tiu de la internacia lingvo, do Esperanto.

Konscia pri la graveco de la tempo, la Estraro de UEA decidis ne fermi la Centran Oficejon de UEA, tiel konservante la naturan centron de la internacia Esperanto-Movado. La gazeto « ESPERANTO », prespreta je la fino de Aŭgusto, ne povis esti presata pro la mobilizo. Ĝia enhavo nun parte senvaloriĝis. « ESPERANTO » reaperos post nelonge. La Jarlibro de UEA 1939 ankaŭ haltigita dum la lasta korektado pro mobilizo aperos same. La Estraro de UEA decidis plie etendigi la Servon de Interhelpo, starigitan por Esperantistoj, al ceteraj viktimoj de la nuna situacio. Ni sendas ĉi tie tekston kiun vi bonvolu konigi en plej utila maniero. Ni rekomendas traduki ĝin kaj ĝin transdoni al loka gazetaro por senpaga enpreso.

La Estraro de UEA, sekvante urĝajn invitojn ĉesigi la skismon en la movado, konigis sian pretecon je ia aranĝo, konforma al la situacio. La Kongreso de Berno ne diskutis tiun ĉi proponon, kiun ni jam konigis pli frue (« ESPERANTO », Oktobro 1938).

La nunaj okazintaĵoj plene pruvas la pravecon de nia pretendo, ke la sidejo de la internacia movado nur povas esti en lando kun karakterizita neŭtraleco kiel Svislando, kaj kie troviĝas plej gravaj oficialaj, duon-oficialaj kaj privataj organizaĵoj tutmondaj. Nur la spiritkonfuzo reginta povis forgesigi tiajn faktorojn. Restas la fakto, ke la pretendita multkosteco de UEA en Ĝenevo estis nura preteksto al pure personaj celadoj, fondi konkurencan asocion kun sidejo en vilaĝo apud Londono.

Ni sendas tiun ĉi cirkuleron ankaŭ al la Delegitoj de IEL kaj aldonas la numeron de « ESPERANTO » 478 de Julio 1939, kiu enhavas nian proponon al la Estraro de IEL kaj al la Esperantistoj ĝenerale: « Por la reunuecigo ». Ni same invitas la Delegitojn de IEL (kiuj je plej granda parto estis iam Delegitoj de UEA) diskonigi la Helpservon de UEA, pruvo pri praktika utilo de nia movado kaj lingvo.

Al la samideanoj kiuj sekvis la vokon de la patrolando, ni sendas niajn korajn salutojn kun la sincera deziro je sana kaj feliĉa reveno al hejmo kaj familio.

Kun samideanaj salutoj

UNIVERSALA
ESPERANTO-ASOCIO

R. Richez, Vicprezidanto

Hans Jakob, Direktoro

### Dummilita helpagado

La malnovaj membroj de UEA memoras la gravegan laboron de UEA dum la pasinta milito, agado ebla nur pro faktoroj troviĝantaj en Svislando. Tiu ĉi servo, komence nur perado de leteroj, plivastiĝis kaj etendiĝis je multaj klopodoj reserĉoj de malaperintaj civiluloj, transsendo de mono kaj de objektoj k.t.p.

Per la supre menciita cirkulero, ni sendis ankaŭ tekston pri tiu ĉi servo. Ni ĝin represas tie ĉi.

### Rilatoj kun parencoj kaj amikoj en malamikaj landoj

La eksplodo de la milito disigas multajn personojn en la militantaj landoj kun parencoj kaj amikoj. Por helpi ilin, la Centra Oficejo de Universala Esperanto-Asocio, Palais Wilson, Genève, starigis Servon de Perado por privataj korespondaĵoj inter la malamikaj landoj, servo funkciinta jam dum milito 1914-18 plensukcese. Korespondaĵoj estas ricevataj ĉe la Centra Oficejo en Genève, kie ili estas transsendataj al la adresato. Estas akceptataj nur ne-fermitaj korespondaĵoj kun absolute privata karaktero, sen aludoj pri politikaj aŭ militaj okazaĵoj. La personoj, kiuj deziras uzi tiun ĉi peradon, skribu al Universala Esperanto-Asocio, Palais Wilson, Genève, Svislando, aldonante du internaciajn respondkuponojn por unu sendota letero 20-grama.

### Subtenantoj

La sekvantaj samideanoj bonvolis aliĝi por 1939 kiel Subtenantoj. Al ili ni sendas nian koran dankon.

### Oka listo

71. Esperanto Klubo, Bratislava.
72. S-ro Rosario Sgroi, Catania.
73. S-ro A. Bavaud, Seloncourt.
74. S-ro Wm. Brown, Inglewhite.
75. S-ro D-ro Djoudjeff, Sofia.
76. S-ro R.E. Deckers, Catalao.
77. S-ro A. Fridenbergs, Riga.
78. S-ro K. Bruklis, Alŝvangu.
79. S-ro Ed. Stradnicks, Liepaja.
80. S-ro S. Maljaski, Riga.

## D-ro C. J. Baart de la Faille †

La 22-an de Junio 1939 mortis en Arnhem unu el la plej malnovaj pioniroj de Esperanto en Nederlando, D-ro C. J. Baart de la Faille, profesoro de natursciencoj en gimnazio en tiu urbo.

Naskiĝinte en Groningen en 1880, li jam kiel juna knabo translokiĝis al Utrecht, kie li plenumis la finekzamenojn de la meza lernejo kaj de la gimnazio resp. en 1896 kaj 1898. En la sama urbo li studis natursciencojn en la Universitato. En 1906 li fariĝis profesoro en Winterswijk, poste en Leeuwarden kaj en 1914 en Arnhem. En la sama jaro li doktoriĝis ĉe la Universitato de Groningen per disertacio pri botanika temo. Unu el la temoj, kiujn li defendis, tekstis jene : Esperanto meritas esti studata de ĉiuj biologiistoj, por ke ĝi poste povu fariĝi la helplingvo por kongresoj kaj resumoj en sciencaj periodikoj.

Jam en 1899 Baart de la Faille konatiĝis kun Esperanto kaj ekinteresiĝis pri ĝi. Li restis fervora adepto de Esperanto dum sia tuta vivo. Lia nomo aperis en la unuaj publikigaĵoj en Esperanto en Nederlando, nome en la unuaj kajeroj de la gazeto « La Holanda Pioniro », redaktata de Dreves Uitterdijk. Kun kelkaj samideanoj li fondis en 1903 en Utrecht la unuan vivpovan grupon en Nederlando.

Ankaŭ en postaj jaroj Baart de la Faille aktive partoprenis en la Esperanta vivo en Nederlando, i.



a. dum kelkaj jaroj kiel prezidanto de la Nederlanda Societo « La estonto estas nia » kaj en la lastaj jaroj kiel Ĉefestrarano de la « Nederlanda Esperanto-Gruparo ». Li ankaŭ partoprenis en diversaj Esperanto-kongresoj, nome en Hago, en Praha, en Antwerpen kaj en Stockholm. Krom tio li faris multajn prelegojn pri Esperanto kaj aktive kunlaboris por la « Internacia Scienca Asocio Esperantista ». Baart de la Faille estis ĉiam varma amiko de U.E.A., kies delegito li estis dum multaj jaroj. Antaŭ unu jaro li estis elektata Komitatano de U.E.A.

Baart de la Faille havis vastan scion pri lingvoj. La francan, germanan kaj anglan lingvojn li flue parolis, en la latina kaj la greka lingvoj li estis tre sperta. Krom tio li povis legi pli aŭ malpli bone la frisan, la danan, la norvegan, la svedan, la ĉeĥan, la rusan, la italan kaj la hispanan lingvojn. Li ankaŭ iam studis Volapükon, sed poste li vigle kontraŭbatalis tiun sistemon favore al Esperanto. Lia fervoro por la lingvo de Zamenhof ĉefe radikiĝis en lia homamo kaj lia espero je la interfratiĝo de la popoloj.

Inter la nederlandaj Esperantistoj, en kaj ekster lia loĝurbo, nia simpatia samideano havis multajn amikojn, en kies memoro li postvivos kiel fervora kunbatalanto por nia afero. Al lia vidvino kaj lia filo ni esprimas niajn sentojn de sincera kondolenco.

Inĝ. J.R.G. Isbrücker.

# Turisma Servo

## Oni konstruas landon

Ne specife turisma, la jena kajero informas pri Palestino. Granda kajero 33 cm alta, 24 cm larĝa, kun multaj ilustraĵoj. La teksto informas pri la konstrua laboro de la judoj en la Sankta Lando. La kajeron eldonis la Cionisma organizaĵo kaj ĝi estis disdonita dum la 31a kongreso en Bern. Personoj kiuj deziras ricevi ĝin skribu al Turisma Servo de UEA, aldonante respondkuponon por la afranko.

## TORINO

Bela faldprospeko, 24 × 12 cm malfaldita 64 cm, kun multaj ilustraĵoj. Kutimaj informoj pri la urbo kaj ankaŭ tiajn pri loka Esperanto Movado (adresoj). La tekston tradukis Inĝ. E. Arrosio. En la enkonduko ni legas: Torino estis poste la viviga centro de la renesanco. Tie Vittorio Emanuele II-a, sentinte la doloran krion de la italoj, elingigis la glavon por forpeli eksterlandanojn. Tie Grafo Camillo Benso di Cavour elpensis la longevidantan politikon kiu atingigis al Italujo la rolon de granda nacio.

Per sia severe regula aspekto, Torino montras la simplecon de sia vivo kaj sian fortan volon. Vibras ĉie per intensa laboremo, por doni al la DUCE kiu regas Italujon, la armilojn sekurigajn pri la ekonomia libereco.

***

La faldprospekto estas ricevebla senpage per la « Ente Provinciale per il Turismo, Torino ».

# Memoraĵoj al Esperanto

Dum la marŝo al finvenko, la Esperanto movado lasis diversajn postesignojn. Kongresoj, kunvenoj estas momentaj okazaĵoj rapide forgesataj de la publiko. Pli daŭra estas stratoj kaj placoj kun nomoj rilatantaj al Esperanto aŭ al la kreinto de la lingvo. Jam estis duoncento da tiaj. La Enciklopedio de Esperanto, sub artikolo Stratoj kaj monumentoj donis preskaŭ kompletan liston.

La forblovo de nia movado en Germanujo sekvigis la forigon de tiaj stratnomoj. Same okazis en Aŭstrio en Ĉeĥoslovakio, (Sudetoj), en Dancigo. Malaperis : Bad Neuenahr (Dr. Samenhofplatz) ; Bor-Haida (Zamenhofgasse) ; Danzig (Esperantoweg, Esperantogrund) ;· Dresden (Zamenhofstrasse) ; Düsseldorf (Samenhofweg) ; Franzensbad (Monumento honore al Zamenhof : detruita) Wien (Zamenhofgasse).

En Milano la stratnomo « Via Ludovico Lazzaro Zamenhof » estas forigita kaj anstataŭita per alia. Alia malbona novaĵo : La domo en kiu naskiĝis D-ro Zamenhof kaj kiun vizitis la kongresanoj post Krakovo (1931) kaj Varsovio (1937) malaperos, por fari lokon al publika konstruaĵo. Jam frue estis plano akiri la domon, sed la posedanto postulis sumon tro altan. Nun povas esti, ke la okupacio de Bialystok per la rusoj prokrastigos la plenumon de la intenco.

**Fondinto: H. Hodler, † 1920**
**Redakcio: Palais Wilson, Genève.**
**Red: Hans Jakob, direktoro de UEA**
Presis : Granchamp, Imprimerie, Annemasse, (Haute-Savoie)
Dato: 30 Oktobro 1939